# INTERNACIA FERVOJISTO




ORGANO DE I.F.E.F.

INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-FEDERACIO

28a jaro | MARTO-APRILO 1976 | N-ro 2



*Melankoliaj mallaborulinoj . . . .*




## LKK 28a IFEF-KONGRESO KOMUNIKAS:

**Konstanta adreso:** 28-a IFEF-Kongreso
Hyttlidgatan 58 b
S-931 00 Skellefteå
Svedujo.

Banko: PK-Banken
S-931 00 Skellefteå
Kontonumero: 28-a Esperanto-Kongreso de IFEF. 3073 20 04527.

| **Kongreskotizoj:** (en Sv. Kr.) | **ekde 1.3.1976** |
|---|---|
| IFEF-anoj po pers: | 100,00 |
| Familianoj, Pensiuloj | 55,00 |
| Gejunuloj ĝis 20 jaroj | 55,00 |
| Simpatiantoj: Minimume | 25,00 |
| Ĉambroperado: Po lito | 15,00 |
| Tuttaga ekskurso: laŭ la programo | 75,00 |
| Duontaga ekskurso N-ro 1 | 20,00 |
| Duontaga ekskurso N-ro 2 | 20,00 |

**Loko de la Kongresejo:** Sporta Halo EDDA HALLEN.

**Poŝtstampo:** La centra poŝtoficejo en STOCKHOLM konsentis je speciala poŝtstampo dum la kongreso. Agrabla novaĵo por la filatelistoj . . .

**Kongresglumarkoj:** Ili estas mendeblaj ĉe la LKK, laŭ la konstanta adreso.
La prezo de la markoj estas:
3 folioj (30 markoj) = 3 internaciaj respondkuponoj.
5 folioj = 5 rpk-oj, 10 folioj = 10 rpk-oj . . .

**Prezo de manĝaĵoj:** En mem-servado: de 8 ĝis 15 kr.

**Speciala sveda trajno:** Vidu "Bultenon nr. 1" de LKK - paĝo 3, IF 1/76.

**Dana vojaĝ-grupo:** De Kopenhago ĝis Skellefteå kaj reen. Skribu al G. THUESEN, Langekaervej 40, DK 2750 BALLERUP, DANIO.

---

INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO - FEDERACIO

Sekretariejo: E. Kruse, Wienerstr. 121, D-6000 Frankfurt/Main 70 - GERMANIO
Redaktoro: Guy Delaquaize, 52, rue L.-Gandillet, 78420 Carrières/Seine, FRANCIO
Bankkonto: Provinsbanken, konto n-ro 7353-350550 - DK 9800 - Hjørring - DANIO

# UTILAJ PRIKONGRESAJ INFORMOJ

N-ro 1. La celo de la ekskurso estas la ĉarma vilaĝo "LOVÅNGER", tre konata pro siaj malnovaj ĉarpentkabanoj. Survoje ni povos admiri diversajn belegajn panoramojn (nia natura arto).
N-ro 2. Vere estas tre malfacile skribi artikolon pri nia bela regiono ĉar, kiel ni skribis antaŭe, ni ne posedas kastelojn, preĝejojn, artajn monumentojn pri kiuj oni povas longe skribi. Sed estu trankvilaj pri la celo de la ekskurso n-ro 2, ni vizitos la vilaĝon "BOLIDEN" kaj diversajn tre interesajn kuriozaĵojn de nia trankvila regiono.
Ĉu vi ŝatas salmon?

LKK volas atentigi vin pri la ekstra trajno de Malmö al Skellefteå . . . estas tute necese ke tiuj kiuj deziras veturi per ĝi, en bona tempo mendus la biletojn por tiu trajno. Do, aŭ sid-, kuŝ- aŭ litvagona loko. La trajnon oni aranĝas laŭ la alvenintaj mendiloj. **RIM**: sen antaŭmendita bileto, oni ne povos veturi per tiu trajno. Sen sufiĉe multaj biletmendiloj — neniu ekstra trajno.

**LKK salutas kaj diras: "Ĝis . . . "**

**Kelkaj konsiloj por ĝui vian restadon dum la kongreso.**

La IFEF-Kongreso okazos en la sporta halo "EDDA HALLEN"; ni havos eblecon uzi la belegan naĝejon, do, ne forgesu la bankostumon.
Se la vetero dum la vintro estas malvarma, dum la somero ĝi estas normale varma eĉ pli, sed dum la noktoj (helaj horoj) la aero povas esti freŝa, do, pensu meti en via valizo unu varman vestaĵon.
Dum la tuttaga ekskurso, ni rekomendas al ĉiuj kunporti varman vestaĵon ĉar ni vojaĝos pli norde de Skellefteå kaj ankaŭ dum la hela nokto.
La kongresanoj kiuj ne ricevos matenmanĝon en sia hotelo, ktp, povos havi ĝin en la kongresejo por modesta prezo.
La kongresanoj kiuj loĝos en la kampadejo havas la eblecon prepari mem sian kafon aŭ teon.

**Listo de aliĝintoj al la 28-a IFEF-kongreso ĝis la 76-03-03.**

| | kongresanoj |
|---|---|
| Aŭstrio | 15 |
| Belgio | 15 |
| Britio | 4 |
| Bulgario | 27 |
| Ĉeĥoslovakio | 9 |
| Danio | 24 |
| Francio | 63 |
| Finnlando | 6 |
| Germanio | 79 |
| Hispanio | 17 |
| Hungario | 33 |
| Italio | 14 |
| Luksemburgo | 2 |
| Nederlando | 20 |
| Norvegio | 3 |
| Pollando | 4 |
| Svedio | 27 |
| Svislando | 9 |
| Jugoslavio | 73 |
| Sumo de gekongresanoj | 444 |



# JARRAPORTO DE LA SEKRETARIEJO PRI 1975

Niajn estimatajn gelegantojn ni petas, studi tiun ĉi raporton samtempe uzante la respektivajn numerojn de "Internacia Fervojisto". Ni klopodas doni la necesajn indikojn por plifaciligi la komprenon. Ankaŭ rekomendindas, utiligi la jarraportojn de antaŭaj jaroj.
Laŭeble ni vicigos laŭ sama skemo.

## Niaj mortintoj

Ni perdis membrojn en jenaj landoj:
Danio: P.C. Pedersen, Johannes Christoffersen.
Ĉeĥoslovakio: Zdenek Nevšímal.
Francio: D-ro Marcel Mollion.
Germanio: Wilhelm Bulla, Wilhelm Becker, Ludwig Keil, Kurt Jentsch, Adolf Simon, Otto-Heinrich Winkelhaus.
Jugoslavio: Boris Nikoliĉ.
Nederlando: Willem Biesheuvel, G.E. Tip, Thies M. Blaauw.
Svedio: Gösta Bolander.
Svisio: Fritz Hugi.

## Membrostato (IF 1/76)

Ankoraŭ ne plenumiĝis nia espero, denove transpaŝi la "magian" ciferon 3000. Kvankam Francio liveris 45 novajn membrojn, en Germanio ni notas malkreskon de 31. Alie nur estas sensignifaj ŝanĝoj. La restanta eta kresko de 12 membroj kondukis al la membrostato de 2986 fine de 1975 (2974 = 1974). Specialan laŭdon do al Francio, kiu dum 3 sinsekvaj jaroj aligis 125 novajn membrojn. Ankaŭ ĉi-foje ni kore dankas al la donacintoj, kiuj ebligis la daŭran funkciadon de la adopta sistemo. Ne tute kontentiga estis la alfluo de la kotizoj (komp. jarkalkulon en IF 1/76), kio parte dependas de devizaj malfacilaĵoj en orientaj landoj.

## Honorigoj

La Honora Patrona Komitato restis senŝanĝa.
En Villach estis okazo, honori kelkajn el niaj plej meritaj membroj. Estis nomumitaj Honoraj Membroj de IFEF eksprezidanto K.G.J. de Jong (Nederlando) kaj ekskasisto Otto Walder (Svisio). Ambaŭ jam posedas la Oran Medalon de la Internacia Federacio de kulturflegantaj Fervojistoj (FISAIC). Same en Villach Elfriede Kruse (Germanio), sekretariino de IFEF, ricevis la Oran Medalon de la FISAIC el la manoj de s-ro Gilles, trezoristo de FISAIC. Krome du iamaj IFEF-estraranoj, s-roj Biesheuvel († julio 1975) kaj E.J. Drijfhout, nomumitaj Honoraj Membroj de IFEF jam en 1958, en siaj hejmoj en Nederlando fine ricevis la eksterajn akcesoraĵojn, nome la oran IFEF-insignon kun dokumento (IF p. 61).

## Interna korespondado

En 1975 alvenis en la sekretariejo 456 kaj estas forsenditaj 468 korespondaĵoj. Aldoniĝas kelkaj dekoj da leteroj, skribitaj kaj ricevitaj de aliaj estraranoj. Oni krome devas alkalkuli kelkajn centojn da legendaj en la estraro revuoj, kies amplekso parte estas konsiderinde forta.

## Ekstera agado

La estraro kunvenis dufoje, nome en marto en Basel (Svisio) kaj en novembro en Hamburg (Germanio). La kunsidoj pasis en bona harmonio, ampleksaj tagordoj estas prilaboritaj.

La Ĉefkomitatano, kiu parte partoprenis kiel gasto, grave kontribuis al la pozitivaj rezultoj. Ankaŭ en 1975 estraranoj vizitis aranĝaĵojn de diversaj landaj asocioj, nome la prezidanto estis en Pohorje apud Maribor (Jugoslavio), en Luzern (Svisio), Epernay (Francio) kaj Treuchtlingen (Germanio), la vicprezidanto en Maastricht (Nederlando), Epernay kaj Treuchtlingen, la sekretariino en Fürigen kaj Luzern (Svisio), Česká Třebová (ĈSSR), Epernay kaj Treuchtlingen kaj reprezentis IFEF en la UK Kopenhago. La kasisto partoprenis la danan jarkunvenon kaj la UK en Kopenhago, la redaktoro partoprenis en Epernay.

## Laborplano

La unuan fojon la resumo pri la agado de la landaj asocioj (IF p. 41) estas kompilita de W.L. van Leeuwen. Ĝi tamen prezentis faktojn el 1974. Por 1975 ni jen notas:

- En la kongreso Villach estas starigita komisiono por varbado/informado sub gvido de la franca prezidanto Pierre Robiolle.
- La Japana Fonduso, starigita en Tarragona 1974, intertempe kreskis. Al ĉiuj membroj, kiuj kontribuis al tiu kresko, ni ĉi-loke koregе dankas. Ni esperu, ke ankoraŭ malavare alfluos donacoj, por ke baldaŭ tiu fonduso povu helpi al japana kolego viziti IFEF-kongreson.
- La agado de la Terminara Komisiono ne povas kontentigi. Sur tiu kampo, kiu ja estas unu el la plej gravaj de IFEF, apenaŭ estas konstateblaj progresoj. Estus tre dezirinde, ke TK trovus bonvolajn kunlaborantojn kaj efikajn metodojn pliviglígi sian agadon.
- Post multaj klopodoj ni trovis relative prezfavoran presejon en Nederlando, tiel ke denove povis aperi 6 numeroj de "Internacia Fervojisto".
- Spite al la ĉie galopa inflacio (laŭ lando inter 6 kaj 23%) ni sukcesis konservi la kotizon sur la modesta nivelo de 12 dkr jare, kaj ni esperas saman eĉ por la venonta jaro 1977.
- Laŭ decido Villach la unuaj paŝoj estas faritaj por starigo de Historio-komisiono, kiu prizorgos ĉefe la kolektadon de la materialo por estonta IFEF-Historio.
- Grava tasko momente estas la ordigo de la rilatoj inter IFEF kaj nia pola landa asocio, kiuj ne estas klaraj. Malgraŭ multaj klopodoj la kompetentaj instancoj de la Pola Esperanto-Asocio, ĉefe ties prezidanto, ne respondis niajn leterojn, per kiuj ni petis klarigojn pri la nuna organizformo en tiu lando, laŭŝajne komplete ŝanĝita. Ni esperas trovi pli da komprenemo en 1976, por eviti malagrablajn konsekvencojn por niaj polaj kolegoj.
- En Portugalio bedaŭrinde la komencitaj palpetoj ĝis nun ne havis pozitivajn sekvojn. Ni tamen daŭrigos niajn klopodojn.

## Junularo

Oni konfesu, ke la nova gvidantino de la Junulara Sekcio havas multajn ideojn por vigligi la junularan agadon. Nur, la plej bonaj ideoj nenion utilas, kiam ne pretas homoj realigi ilin. Eĉ la plej kapabla gvidantaro nenion atingas sen la helpo de la membraro. La gejunuloj ŝajne estas surdaj kaj mutaj kaj ne subtenas sian gvidantinon. Ĉu ne eblas ŝanĝi tian sintenadon???

La 16a Internacia Fervojista Esperanto-Skisemajno okazis en februaro 1975 en Plan Val Gardena (italaj alpoj).

## 27a Kongreso

Ĝi okazis de la 10a ĝis la 16a de majo en Villach (Aŭstrio) kun 675 partoprenantoj el 20 landoj. Bedaŭrinde denove mankis reprezentantoj el Rumanio kaj Polio. Protokolojn,

raportojn kaj la fakprelegan tekston bonvolu trovi en IF n-roj 3 ĝis 5. Koncize jen estu aparte menciitaj:

- Plej taŭga kongresejo, moderna, multflanka, bele situanta alte super la rivero Drau.
- Varma akcepto flanke de la urbo Villach kun abunda regalo por la tuta kongresanaro (!)
- Inaŭguro de Esperanto-strato en la najbara komunumo Arnoldstein kun akcepto flanke de la urbestro.
- Sukcesa forumo, en kiu estis farita amaso da demandoj.
- Tre interesa, per diapozitivoj ilustrita fakprelego pri la Tauern-linio.
- Rezolucio direktita al niaj fervojoj kaj sindikatoj.
- Belegaj ekskursoj al neĝkovritaj montoj kaj sur sunbriligita lago kun fina tria afabla akcepto ĉe la limo de la urbo Klagenfurt de ties urbestro.
- Vigla folklora vespero kaj la kutima balo kun la ĉeĥa "Kvarteto Esperanto".

Kiel kongresloko por 1976 elektiĝis Skellefteå (Svedio). Por 1977 bedaŭrinde neniu lando kuraĝis inviti, kio de jaroj ne plu okazis kaj dum multaj monatoj kaŭzis sufiĉe da zorgoj kaj laboro al la estraro.

## Informado

Kiel kutime iris "Koncizaj informoj" al la membroj de la Honora Patrona Komitato kaj raporteto al la Internacia Federacio de Transportlaboristoj (ITF). Ĉion alian vi trovu en la resumo (IF p. 41 ktp).

## Eksteraj rilatoj

### UEA

Dum la 60a Universala Kongreso en Kopenhago DEFA estis organizinta Fervojistan Tagon (IF p. 78). La estraro estis reprezentita de la sekretariino kaj de la kasisto. Anstataŭ d-ro Bácskai funkciis d-ro Phersy (Hungario) kiel Komitatano A. (Bedaŭrinde li ne estis voĉdonrajta kaŭze de la UEA-statuto, sed nur allasita kiel observanto). Speciale post la UK Hamburgo la estraro laŭ siaj eblecoj observas la agadon de la UEA-instancoj, precipe laŭ la vidpunkto de neŭtraleco. Estas memkompreneble, ke por federacio kiel la nia, kiu tiel intime estas ligita al fervojaj entreprenoj, ĉiuflanka neŭtraleco estas plej grava kondiĉo.

### FISAIC

Ankaŭ ĉi-foje la Internacia Federacio de kulturflegantaj Fervojistoj en la tuta kongreso estis reprezentita de la prezidanto de ties belga sekcio, s-ro Georges Gilles (vidu supre sub "Honorigoj"). La rilatoj al FISAIC ĝenerale kaj en la plej multaj landoj estis bonaj. Pri ĝia agado ni eksciis ion el la protokoloj de ĝiaj prezidantara kaj ĝenerala kunvenoj, sed mankas la iamaj statistikaj indikoj. Pro tio niaj IFEF-asocioj ne preterlasu peti de siaj respektivaj FISAIC-sekcioj la menciitajn protokolojn.

### Ĝenerala situacio

La situacio de certe ĉiuj fervojoj korespondas al la situacio de iliaj landoj: inflacio, sufiĉe da senlaboruloj, entute nekontentiga. Tio forte influas la intereson resp. neintereson de la fervojistoj por "nenecesaj" aferoj, ekz. "kulturo". Tio ankaŭ negative influas la kapablon de la fervojoj finance subteni nian agadon. Antaŭ 3 jardekoj niaj kolegoj tiris la ĉaron el la ŝlimo kaj ekkonstruis novan IFEF-on. Nia tasko estas, konservi kaj plukonstrui tiun ĉi heredaĵon, eĉ helpe de personaj oferoj, kiuj tutcerte necesos.

Frankfurt/Main, la 20an de februaro 1976 — Elfriede Kruse, sekretariino

## REDAKTORA RAPORTO

*Same kiel 1974, 1975 alportis gravajn ŝanĝojn koncerne la IF-bulteno. En 1974 venis nova redaktoro kaj nova presejo (en Francio). En 1975 la presado translokiĝis al Nederlando; la bulteno kiun vi tenas nun en la mano ne plu venas el Parizo sed el Roterdamo.*
*Kial? Unue, ĉar la prezoj estis tie multe pli favoraj kaj, due, ĉar la nova presisto estas esperantisto, kio multe plifaciligas la laboron kaj ebligas ne nur la forigon de multaj preseraroj, sed ankaŭ la plialtigon de la lingva nivelo.*
*Tiu translokigo de la presado havis kiel konsekvencon la transdonon de du taskoj de Francio al Nederlando. La korektado kaj la forsendo.*
*Por eviti multekostajn kaj temporabajn perpoŝtajn sendadojn de la presejo al la redaktoro kaj ree, oni decidis peti al eminenta amsterdama esperantisto finkontroli la manuskriptojn, post unua korektado en Francio.*
*La forsendado, farita ĝis nun de la presisto mem, estas, ek de februaro transdonita al samideanoj en Roterdamo.*

*Al ĉiuj ĉi helpantoj, ni sendas plej sincerajn dankojn.*
*Oni povas diri ke la bulteno estas nun la afero de tuta ekipo dulanda.*
*Sed IF estas ankoraŭ pli internacia, ĉar ĝi devus esti respegulo de la aktiveco de la tuta membraro. Tamen ni daŭre konstatas ke ĉiam la samaj personoj aŭ sekcioj partoprenas al la ellaborado de nia bulteno.*
*La landaj sekcioj, malgraŭ alvokoj, ne informas nin sufiĉe pri sia aktiveco kaj, eĉ el kelkaj landoj, ni ricevis, ĝis nun, nenian linion. Krome, mankas ankoraŭ tro ofte la teknika aspekto kaj la necesaj fotoj.*
*Permesu al ni rekomendi al la sendontoj de artikoloj: ne faru tro longajn verkojn kiuj devigas la redaktoron tranĉi kiel li povas . . . (delikata kaj malagrabla devo). Mallongaj, klaraj artikoloj kun foto aŭ desegnaĵo, se utilas, jen kion ni ŝatus ricevi.*
*Paperon ni devas ŝpari ĉar ĝi kostas ĉiam pli multe, sed ne ŝparu viajn ideojn.*
*Ankaŭ ne ŝparu viajn kritikojn; ili tute ne ĉagrenus nin, ĉar ili estus pruvo ke vi interesiĝas pri nia Bulteno kaj almenaŭ . . . legas ĝin.*

*La Redaktoro.*



*Prezidanto Giessner kaj Redaktoro Delaquaize. Ĉu ili diskutas pri la bulteno . . . ?*

## ADMINISTRA INFORMO

Okaze de la U.K. en ATENO, la reprezentanto de IFEF provos havi kontaktojn kun grekaj fervojistoj esperantistaj.
Ni petas niajn membrojn kiuj havas aŭ havis rilatojn kun grekaj fervojistoj, bonvolu sendi la nomojn kaj adresojn al s-ino Elfriede KRUSE.

# LA 17-a INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO SKI-SEMAJNO "LA MOLINA" (Gerona) - HISPANIO

De la 8a ĝis la 13a de Februaro okazis en la famkonata Pirenea Montara Valo "La Molina", la 17a IFES; ĝin partoprenis 45 geesperantistoj el Germanio, Francio, Italio, Belgio kaj Hispanio. La abunda neĝo sur la skiterenoj estis ĝojo por la amantoj de la blanka sporto. La unua ero de la programo estis la interkonatiĝa vespero; tamen ĉar la unua grupo alvenis ĉe la franca-hispana limo dimanĉe matene, oni improvizis viziton tra la urbo PUIGCERDA; al multaj plaĉis la tipa vendoplaco kaj la belega panoramo de la Cerdaña.

La dua grupo alvenis al Puigcerda je la 14a horo kaj ĉiuj kune veturis al LA MOLINA por partopreni la Skisemajnon, kiu estis organizita en la restadejo de "Unio Excursionista de Cataluña".

Lunde, ĉiuj iris al la skiterenoj por ekkoni la kvaliton kaj bonstaton de la neĝo kaj . . . resti tie ĝis la sunforiro. Vespere okazis filmprezentado kaj diversaj ludoj ĝis la noktomezo.
Marde estis la Skikonkurso por komencantoj kun partopreno de 8 personoj. Gajnis s-ro ORTI el Francio. Posttagmeze ĉiuj reiris al la skiejoj por ĝui la belegan veteron skiante kaj sunbanante la haŭton. Vespere, filmoj pri pasintaj IFEF-Kongresoj.
Merkrede matene ĉiuj supreniris, pere de seĝoliftoj, la pinton de la skiejo kie okazis la skikonkurso por la spertuloj; ĝin partoprenis 20 personoj kaj la gajninto estis s-ro Chuiton el Francio, por la viroj, kaj f-ino Bizeray (ankaŭ Francio) por la virinoj.

Posttagmeze ludoj, kaj vespere la Oratora Esperantlingva Konkurso kun venko de s-ro DOLIWA el Germanio; poste, okazis la karnavala balo gajnita de gesinjoroj POISSON (Francio) kiuj surmetis originalan papilian vestaĵon.
Ĵaŭde matene estis libera tempo. Multnombraj vizitis la urbon RIPOLL, ĝian interesan monaĥejon kaj regionan muzeon.
Vespere, okazis la Junulara Vespero dum kiu estis elektitaj "Fraŭlino IFES-1976" kaj "la Plej belaj virkruroj". Post longa pripensado, Martine Horn el Francio estiĝis F-ino IFES-76 kaj laŭ la decido de virinaj juĝantinoj, la plej belaj kruroj apartenis al José Molina el Hispanio.
Vendrede la mateno estis libera por ĝui la lastajn horojn de la plena sunbrila vetero. Tagmeze okazis komuna fotografado kaj poste la adiaŭa bankedo dum kiu la partoprenantoj gustumis la bongustan manĝaĵon preparitan de la mastro de la restadejo, s-ro PEPITO. La definitiva adiaŭo venis kiam la trajno alvenis al la stacio de LA MOLINA. Oni promesis novan renkontiĝon dum la venonta Skisemajno en Francio por retrovi la amikecon kiu kutime regas dum tiuj INTERNACIAJ FERVOJISTAJ ESPERANTO-SKISEMAJNOJ.

H.E.F.A.



## EL NIAJ LANDAJ SEKCIOJ

### GERMANIO

Notu bone ke la GEFA-Jarkunveno okazos la 16/17 de oktobro 1976 en PADERBORN.

### ĈEĤOSLOVAKIO

Jam VII-a Esperanto-Balo en urbo Česká Třebová. Granda salono de Kultura Domo de Fervojistoj en Česká Třebová akceptis, fine de januaro, pli ol 300 geesperantistojn kaj esperantistajn geamikojn kiuj partoprenis la VII-an Esperanto-balon.
Tiun balon ofereme aranĝis loka Esperanto-rondeto de fervojistoj "Amikeco". Je la 20-a horo, Prezidanto Pavel BATEK bonvenigis ĉiujn, precipe gastojn el diversaj urboj de Ĉeĥoslovakio.
Post kantĥoro de E-rondeto, sekvis la balo . . . ĝis la 5-a matene.
Tutŝtata sindikata gazeto "Práce" (Laboro) alte taksis la manifestacion per artikolo kiu finis esperantlingve: "Venontjare, ĝis la revido".

La 7-an kaj 8-an de februaro okazis en PRAHA la kongreso de Ĉeĥa Esperanto-Asocio. Estis elektita la nova komitato, la sekretario de Fervojista Sekcio: s-ro František MARKL el Česká Třebová.

!!!!!!!!!!!!!!!!!!!!!!!!!!!!!!!!!!!!!!!!!!!!!!!!!!!!!!!!!!!!
!!!!!!!!!!!!!!!!!!!!!!!!!!!!!!!!!!!!!!!!!!!!!!!!!!!!!!!!!!!!

**LASTMINUTE: Gravaj komunikaĵoj de la 28a IFEF-Kongreso.**

En la kongreso de Skellefteå okazos io tute nova kaj speciale vi kaj vi kaj vi, **vi ĉiuj** estas invitataj kunagi. IFEF nome bezonas kaj serĉas ideojn, kiujn sendube **vi** povos liveri. La ideokolekto okazos dimanĉon, la 13an de junio posttagmeze post la Solena Malfermo. Ni traktos la temon "Varbado, Informado". Ni ne diskutos la temon, sed ni nur deziros aŭdi ideojn, **viajn** ideojn pri tiu ĉi temo. Ĉiu ĉeestanto rajtas sciigi ĉiuspecajn ideojn kaj ni notos ilin senescepte. Kaj: neniu rajtos kritiki la diritajn ideojn, neniu rajtos prijuĝi ilin. La tuta kunveno daŭros proksimume unu horon. La kolektitaj ideoj estos transdonataj al la IFEF-komisiono pri Varbado/Informado por plia traktado.

Estraro.

**Vojaĝo al Skellefteå:**

Ne nur sidlokojn, sed ankaŭ kuŝ- kaj litlokojn mendu laŭ la sama maniero kiel indikita sur paĝo 3 de Internacia Fervojisto n-ro 1/76, nepre kun indiko "Esperanto". Eblas ĉe bileteldonejoj same kiel ĉe vojaĝagentejoj. Laŭeble direktu jam faritajn mendojn al la ĝusta loko.



**ĈU VI PAGIS VIAN JARKOTIZON? ĈU VI PAGIS VIAN JARKOTIZON?**

# FERVOJAJ NOVAĴOJ

## EŬROPO

**Bonn.** La Germana Federacia Fervojo (DB) transdonis sian koncepton pri ekonomie funkciebla fervojo al la trafikministerio. Tiu reto havu anstataŭ 29.000 km nur 16.000 km da linioj. La trafikministerio kune kun multaj aliaj instancoj el politiko, ekonomio, transporto ktp. ekzamenos la koncepton kaj decidos pri la definitiva reto de verŝajne 20.000 km linioj.

**Roma.** La Italaj Ŝtatfervojoj (FS) komencis la elektrizadon de la linio Roma – Napoli tra Cassino. La laboroj por la 200 km longa trako finiĝos en 1978.

**Beograd.** La Jugoslavaj Fervojoj (JZ) intencas konstrui ĝis 1985 ses novajn liniojn. Nuntempe finiĝas la konstruo de la nova linio Beograd – Bar.

**Tirana.** La Albanaj Fervojoj deziras konstrui interligan trakon al Jugoslavio. Tio necesigos novan linion inter la jugoslava stacio Bar kaj la plej proksima albana stacio. Entute estos konstruenda 110 km longa linio.

**Dublin.** La Irlandaj Fervojoj projektas elektrizigi 65 km de la antaŭurbaj linioj de Dublin kaj samtempe modernigi la signalajn kaj telefonajn instalaĵojn.

**Helsinki.** La Finnaj Fervojoj (VR) kaj la Sovetaj Fervojoj (SZD) plibonigis la pasaĝeran trafikon inter Helsinki kaj Moskva. La trajno bezonas, sen halti en Leningrad, 16 horojn kaj 40 minutojn.

**Paris.** La Francaj Fervojoj (SNCF) aĉetos ĝis 1979 1 300 pasaĝervagonojn por rapidtrajnoj, kiuj ofertas eksterordinaran komforton. Ekstere tiuj vagonoj estas rekoneblaj laŭ la ruĝaj pordoj.

**Wien.** La Aŭstraj Fervojoj (ÖBB) prezentis novan koncepton por plibonigi la kvaliton de la transporto kaj raciigi la organizadon. La ampleksa programo antaŭkondiĉas solvadon de ĝeneralaj trafikproblemoj en Aŭstrio.



## NEKROLOGO

### NEDERLANDO

Je la 13a de februaro forpasis nia kolego

**Jan Benjamin GOEDEJOHAN**

en la aĝo de 76 jaroj.

Ankaŭ ekster nia movado Goedejohan laboris multe por Esperanto.
Ni kondolencas la edzinon kaj parencojn pro la perdo.

## KORESPONDADO

Ĝis la unua de Marto, F.K.S. ricevis 56 korespondpetojn el 13 landoj. Por kontentigi kelkajn kolegojn mankas ankoraŭ aliĝojn el Francio, Aŭstrio, Danio, Norvegio, Svedio, Britio, principe petoj de orientaj landoj, estas ankaŭ petoj por Jugoslavio kaj Rumanio, interŝanĝoj, filatelo, k.t.p.
Fervoja Koresponda Servo, 76 rue Bataille, F 69008 Lyon.

# ANONCOJ

## AŬSTRIO

### LES 1976

La jam tradicia Linz-a (Fervojista) Esperanto Skisemajno okazis ĉijare inter la 14-a kaj 21-a de februaro sur Sportalm Strussing en Werfenweng. Pli ol kvardek partoprenintoj (sen varbado kaj publikado) ĝuis bonan neĝon, belegan veteron kaj amikan atmosferon. S-ano Martin Stuppnig persone transdonis la salutojn de la AFEF-estraro kaj el Salzburg la s-anoj Toni Huber kaj Albert Greiter.
La semajno finis per karnavala festo.
Laŭ deziro de la partoprenintoj, kiuj donacis al la organizanto belan memoraĵon, la venonta **LES** okazos je sama loko de **12-a ĝis 19-a de februaro 1977.**



## ĈEĤOSLOVAKIO

Internacia seminario

### "ESPERANTO KAJ POPULARA (POP) MUZIKO"

okazos de la 23-a ĝis la 26-a de aprilo 1976 en TRENČÍN, Ĉeĥoslovakio.
En ĝia kadro okazos prelegoj kun diskutoj kaj prezentadoj de ensembloj, kantistoj kaj muzikistoj en- kaj eksterlandaj.
La laborlingvo de la seminario estas ESPERANTO.
Aliĝilojn kun kondiĉoj de partopreno kaj detalan programon de la Internacia seminario petu de

ZK MERINA,
911 01 Trenčín
Ĉeĥoslovakio

## JUGOSLAVIO

**Premiokonkurso por plej bela infanpentraĵo pri la temo "Reloj ligas la landojn – Esperanto la popolojn."**

La 20-a Kongreso de jugoslaviaj esperantistoj okazos 28. - 30. VII 1976 en urbo Prilep (Makedonio, Jugoslavio). Ĝin partoprenos ankaŭ eksterlandaj gastoj traveturontaj Jugoslavion per trajno aŭ aŭtokaravano survoje al U.K. de Esperanto en Ateno.
LKK decidis aranĝi okaze de la Kongreso kvar ekspoziciojn: 1. Esperanto en Makedonio; 2. 2-a ekspozicio de pentristoj esperantistoj; 3. Prilep en okuloj de artfotisto; 4. Infanpentraĵoj pri la temo "Reloj ligas la landojn – Esperanto la popolojn".
Por ĉi-lasta oni turnis sin al la instruistoj de elementaj lernejoj en Makedonio en kiuj Esperanto estos instruata, por ke ili organizu kolektivan partoprenon en la premiokonkurso. Pentraĵojn sendu laste ĝis la 15.VI al la adreso: 20-a Kongreso de jugoslaviaj esperantistoj, P.f. 35, 97500 PRILEP. La sama konkurso validas ankaŭ por aliaj lernejoj en la mondo. Aparta ĵurio prijuĝos la alvenintajn pentraĵojn kaj plej belaj estos ekspoziciitaj en ekspozicio dum la Kongreso. Oni povas pentri per ajna maniero kaj tekniko. Dimensio de pentraĵoj prefere inter 25 x 20 ĝis 40 x 30 cm. Ricevitaj pentraĵoj restas propraĵo de loka E-societo. La aŭtoroj de tri plej belaj pentraĵoj ricevos libropremiojn. Tial ĉiu pentraĵo estu provizita (dorsflanke) per plena kaj preciza hejma adreso, apud kiu estu menciitaj aĝo kaj klaso, lernejo kiun la lernanto vizitas. Gajnintoj estos proklamitaj dum la Kongreso.



*Lövånger — duontaga ekskurso.*

## GRAVAJ ENHAVAĴOJ



**La redaktofino por la venonta IF estas 5.6.1976.**

Grafika kaj teknika prizorgo: *Grafika Studio Nevan,* Rotterdam.